# Esperanto en Azio

n-ro 22
1995-4
decembro 1995

*Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado*



**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Tel: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

## *enhavo*

# 1. letero de leganto

Fuzhou, Ĉinio, 1995-12-08

Estimata redaktanto!

Unu jaro pasis kiel sago. Mi tre sopiras al vi, tenante la bultenon "Esperanto en Azio", kiu estas plena de via penema laboro. Tiu sindonemo por nia afero imponas al mi.

EeA estas efika rimedo por ligi esperantistojn kaj antaŭenpuŝi Esperanto-movadon en Azio. Al prof. SO Gilsu kaj al vi ĉiuj mi esprimas altan respekton kaj elkoran dankon pro via kontribuo al la mondpaco kaj homa evoluo.

Ĉijare en la fino de septembro mi veturis al Chongqing, Sichuan-Provinco, por partopreni en la Tria Ĉina Kongreso de Esperanto, en kiu partoprenis ĉ. 300 personoj. Ni kongresis ankaŭ ŝipe kaj ĝuis grandiozan pejzaĝon.

Ĉe la sojlo de la nova jaro mi benas al vi ĉion bonan kaj glatan, sanon kaj feliĉon.

*Jiang Yunlin/ 1-404, 335 Guangda Lu Fuzhou 350004, Ĉinio. tel.: +86-591-3270269*

# 2. raportoj

## 2-1 La nomo de la landa asocio ŝanĝiĝis!

La 15an de septembro 1995 en Hanojo okazis la Plivastigita Kunveno de la Komitato (de VPEA). Partoprenis en la aranĝo komitatanoj el la tuta lando kaj ankaŭ reprezentantoj de ĉefaj Esperanto-kluboj de Hanojo kaj Hochiminh-Urbo.

En la kunveno, oni decidis ŝanĝi la nomon de nia asocio. Ekde nun, ĝi nomiĝas VJETNAMA ESPERANTISTA ASOCIO (VEA). Kiel anstataŭanto de Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio en la aktualaj cirkonstancoj, VEA celas unuigi ĉiujn individuojn kaj kolektivojn de Esperanto en la lando por intensigi la disvastigon de la universala lingvo, aliflanke vastigi la amikecajn rilatojn kun diverslandaj geesperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj; en disponeblaj kondiĉoj aliĝi al UEA kiel ĝia kolektiva membro, same kiel al diversaj interkontinentaj Esperanto-organizaĵoj.

La ĉeestantaro unuanime elektis la Konstantan Estraron kaj la Honoran Komitaton de VEA. La Konstanta Estraro konsistas el:

Prezidanto: NGUYEN DINH HIEN (ĵurnalisto)

Vic-prezidanto: LE TUYET THANH (ĵurnalistino)

Sekretario: HONG HAC (gvidanto de turisma Agentejo)

Komitatanoj: PHAM VAN CHINH, CHU THE GIANG, DANG DINH DAM, LE NHIEM, TRAN QUAN NGOC, HOANG MINH PHUNG (Feniksa)

La Honora Patrona Komitato konsistas el tri personoj:

DAO ANH KHA (poeto kaj eksprezidanto de VPEA)

BUI HANH CAN (poeto kaj eksprezidanto de VPEA)

NGUYEN MINH KINH (pedagogo, ekskomitatano de VPEA)

Kiel Honoraj Prezidantoj de VEA estas unuanime elektitaj ambaŭ mortintaj fondintoj kaj prezidantoj de VPEA: NGUYEN VAN KINH kaj NGUYEN DUC QUY,

Atentu: Ĉiu oficiala korespondaĵo estu adresata al:

*VJETNAMA ESPERANTISTA ASOCIO/ 105 A str. Quan Thanh, HANOI, Vjetnamio*

## 2-2 Junulara Movado en Koreio

En Koreio estas rondo nomata "Junuloj Serĉantaj Vojon", kiu konsitas el 14 koreaj junuloj, kiuj en la jaro 1988 eniris en universitaton.

La rondo ne havas estraranojn, sed nur estron, kies nomo estas KIM Milo. Jare ili pagas 80,000 ŭonojn por fari diversajn aferojn. Antaŭ 2 jaroj la estro proponis organizi la rondon kaj ni jam faris multajn laborojn. Nuna agado estas jene:

1. Subvencii la movadon de TUEKU (Tutlanda Unuiĝo de Esperanto-Kluboj en Universitatoj).
2. Fari Esperantan libron bazan, kaj produkti Esperanto-memorindaĵojn.
3. Kunveni kaj studi Esperanton.
4. Interŝanĝi amikecon.
5. Fari pli-malpli grandajn laborojn.

Sed la rondo havas problemon, ke malfacilas ofte kunveni, ĉar ili loĝas ne en sama urbo, sed aparte en aliaj urboj. Kaj tial ili utiligas okazojn de Esperantaj eventoj. Ĝi ne estas oficiala, nek registrita al Korea Esperanto-Asocio, kaj nek al Korea Esperanto-Junularo. Sed ĝi estas jam tiel bone konata, ke oni ne povas ignori ĝian forton. Okaze de la 27a Korea Kongreso de Esperanto (1995-10-28-29), ili refoje kolektiĝos kaj interŝanĝos siajn ideojn pri la aktiviga maniero de korea Esperanta movado.

Estimataj esperanatistoj en la mondo, notu sur via kajero, ke en Koreio estas "Junuloj Serĉantaj Vojon". Ni akceptas ĉion el la mondo. Turnu vin al:

*"Junuloj Serĉantaj Vojon"/ CPO Kesto 4258, Seulo 100-642, Koreio. tel." +82-2-614-5784. fakso: +82-2-614-5785*

## 2-3 Ĝemel-urba Kunloĝado

En la 29a de julio, 25 junuloj de Taegu-Filio de Korea Esperanto-Asocio vizitis la urbon Ĉingdao (Qingdao) en Ĉinio por partopreni en la Junulara Kunloĝado inter Ĉingdao kaj Taegu. Ĝi okazis en 30a kaj 31a de julio. En la lasta jaro ambaŭ urboj ĝemeliĝis, kaj la kunloĝado estas ĝia unuafoja kunlaboro. Ili havis programerojn: konversacio, leciono de Esperanto, ekskurso, prelego, ktp. Plue, studentoj de Keimyung-Universitato pupteatris.

La mastro de la Taegu-karavano diris, ke en la kunloĝado ni gajnis multan fruktodonan sukceson, kaj ke ni devas prepari okazigon por la venontjara kunloĝado.

*KIM Kiwon/Korea Esperanto-Asocio, CPO Kesto 4258, Seulo 100-642, Koreio. tel." +82-2-614-5784. fakso: +82-2-614-5785*

## 2-4 Esperanto-Muzeo Unua en Ĉinio

Esperanto-movado en Ĉinio jam havas longan historion ĉ. 100-jaran. Sed Esperanta Muzeo estis nenie en la lando. Certe ĝi estas necesa!

Nu, Hubei-provinca Esperanto-Asocio preparas la unuan por ĉina Esperanto-movado en Wuhan, urbego en centra Ĉinio. La domo, estonta sidejo de la muzeo, situas ĉe pitoreska Donhu-Lago (Orienta Lago). Ĝia posedanto, Esperanto-aktivulo, promesas senpagan uzadon de HEA por Esperanto-movado. Lokaj esperantistoj jam donacis, donacas kaj aliaj donacos librojn, revuojn kaj aliajn Esperantaĵojn por la muzeo. Iuj el tiuj estas raraj kaj valoraj. Sed tio estas tute ne sufiĉa. Do, HEA alvokas, ke esperantistoj kaj Esperanto-organizaĵoj kaj E-institucioj donacu Esperantaĵojn por la nova Esperanta muzeo. Ni ĝojus pro eĉ unu aĵo! Financaj aŭspicioj estas bonvenaj por la 'hardvaroj' de la muzeo.

*Hubei-a Esperanto-Asocio/ ĉe PENG Zhengming, Meiyuan Xiaoqu 301-3-2, Fujiapo, Wuchang, Wuhan, Ĉinio. tel.: +86-27-781-8012*

## 2-5 "Esperanto-Mongola Vortaro" estas eldonita!

Antaŭ kelkaj jaroj mi finverkis Esperanto-Mongolan Vortaron kaj pro manko de mono ĝis nun ni ne povis eldoni ĝin. Sed dank' al senĉesa laboro dum 3 jaroj ni kolektis monon kaj sukcese eldonis la vortaron!

Nun mongolaj esperantistoj havas bonŝancon lerni Esperanton kun nacia vortaro.

Mi finverkis ankaŭ Esperantan lernolibron por mongollingvanoj, finis tradukon de Internacia Komerca-Ekonomia Vortaro en 11 lingvoj kaj nun tradukadas Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto kun suplemento en la mongolan lingvon.

Mi nun vendadas la vortaron. La monsumo estos dediĉata por sekvantaj eldonoj de Esperantaĵoj en la mongola lingvo. Do, bonvolu aĉeti la vortaron!

"Esperanto-Mongola Vortaro", verkita de Ŝ. Jansanĝav, eldonita en Ulanbatro en 1995. 192 p. 14x21.5 cm. bind. kun ĉ. 13000 vortoj. 21 gld.

*Vi povas mendi rekte al la aŭtoro/ Ŝ. Jansanĝav/ P. O. 21-797, Ulanbatro, Mongolio*

## 2-6 Esperanto-kurso en Bharato, kun granda sukceso

La 10an de majo aperis en ĉiuj gravaj taĝĵurnaloj de Bangaloro, ke Bangalora Esperanto-Centro okazigos senpagan kurson de Esperanto. Pli ol 100 homoj telefone demandis pri la detaloj de la kurso.

La kurso okazis de la 20a de majo ĝis la unua de junio. Ĉiutage en vespero dum unu kaj duona horoj oni lernis en la kurso.

Kun granda entuziasmo, la Esperanto-kurso komeciĝis en Nacia Kolegio. 75 homoj komencis la lernadon. La unua tago estis unika, ĉar s-ro Roberto Sorto el Argentino estis en Bangaloro tiam. Ni invitis lin al la inaŭgura tago. Li prelegis pri Esperanto-movado kaj kuraĝigis la lernantojn.

D-ro Ŝirdi Prasad Tekur, specialisto pri infanoj, malnova membro de Bangalora Esperanto-Centro, kiu havas grandan sperton en gvidado de kursoj al medicinaj studentoj, san-volontuloj, lerte gvidis la kurson. Li instruis gramatikon dum 6 tagoj.

La partoprenantoj estis el diversaj kampoj. Estis mondfama ekskriketisto B.S. Ĉandraŝekar.

En la dua semajno S. S. Pradhan gvidis la lernantojn en konversacio, tradukado, legado en Esperanto.

Bangalora Esperanto-Centro ĝis la lasta kurso bezonis helpon de instruistoj el aliaj ŝtatoj de Bharato. Sed lastjare S. S. Pradhan partoprenis en la 79a UK en Seulo kaj ILEI-Konferenco kaj prelegvojaĝis en Koreio. Tio donis egan memfidon kaj sperton por gvidi kurson.

En la kurso s-ro Ramaswamy, esperantisto-radioamatoro, prelegis pri rilato inter Esperanto kaj radioamatoroj kaj montris praktikon.

En la fina tago, la unuan de junio, estis festa etoso. Ĉiuj estis venintaj en imponaj vestaĵoj. Okazis ekspozicio de Esperanto-afiŝoj kaj Esperanto-libroj en la koridoro de la kolegio. En ĝi ĉeestis redaktoro de monata revuo"Catalyst". Por la unua fojo en Bharato, la revuo publikigis korespondan kurson de Esperanto. Ĉiuj gastoj parolis pri Esperanto, laŭdis Esperaton kaj ties utilecon.

*S.S. **Pradhan** / 97, 24th Cross, 3rd Block East, Jayanagar, BANGALORE - 560011.*
*Tel.: 91-80-663-2914*

## 2-7 Esperanto-movado en Chengdu, Ĉinio en 1995

En la komenco de la jaro ni havis decidon: Unue ni devas daŭre renkontiĝi en tetrinkejo, due, ni devas plimultigi renkontiĝojn kaj trie ni devas paroli Esperante pri niaj aferoj en la renkontiĝoj. La renkontiĝo okazis monaton post monato normale. Ĝis aprilo ni renkontiĝis ĉiusemajne. Ĉiuj pensis, ke ni devas uzi nian lingvon en la renkontiĝo, sed nia parol-kaj aŭdkapabloj estas malaltnivelaj, ĉar ni kutimis interparoli en la ĉina lingvo kaj ne kutimis paroli Esperante. Precipe maljunaj samideanoj sentis malfacilon por aŭdi.

Okazis Esperanto-kurso en Chengdu-a Universitato kun pli ol 10 lernantoj kaj samideano Mu Bing instruis Esperanton. Cetere ĉe la loĝejoj de prof. NING Shouren kaj WU Dengxiang havis familian Esperanto-kurson kaj tion faris ambaŭ aparte. La lernantoj elernis siajn lecionojn kaj partoprenis en la ŝtata ekzameno.

En nia provinco la eduka fako publikigis Esperanton kiel normalan fremdlingvon por la ekzameno de ŝtata profesititolo ĉi-jare. Ne malmultaj ekzamenatoj volonte elektis Esperanton kiel sian fremdlingvon. La ekzamenaj paperoj estis senditaj al koncerna profesoro kaj sukcesintoj en la ekzameno estis pli ol 170. En la ekzamenoj en alt-lernejoj kaj institutoj dum la lastaj du-tri jaroj Esperanto estas avantaĝa ol aliaj lingvoj franca, germana kaj rusa. Do altlernejoj kaj institutoj estas grava punkto por disvastigo en sekvaj laboroj.

***Sabeo Fu / 42 Zoumajie 610021 CHENGDU, Ĉinio***

## 3. Pri Esperanto-grupo por komuna lernolibro pri historio

***Niŝio Cutomu / japano, la respondeculo de la grupo***

Komence de ĉi decembro, la grupo sukcesis eldoni la libron, "Historio de Japanio kaj Koreio: Enkonduko". Unue mi deziras paroli pri ĝi. Ĝi estas la traduko de la rilatohistorio japan-korea, verkita de japano kun homarane sendiskriminaciiga kaj honesta pri historiaj faktoj sinteno. La originala verko mem estas rekomendinda precipe por japanoj, por ke ili rekonsciu pri historiaj faktoj, kiujn Japanio faris sur aziajn popolojn precipe korean. Kaj la libro estas unua en tiu kampo en Esperanto. Sed ne nur tio.

Ni pensis ankaŭ, ke la libro estas taŭga diskutmaterialo por kunlabore fari komunan rilatohistorion inter Japanio kaj Koreio kaj tiucele eldonis la libron. Kaj ankaŭ pri eldona laboro ni klopodis teni plejeble internacian sintenon, ekzemple kunlaboro kun koreaj samideanoj, alpreno de absolute Esperantan sistemon de literumado de nacilingvaj propraj nomoj, ktp. La libro estas 180 paĝa, B5-formata. Ĝi enhavas krom netan tradukon de la originalo, ampleksan indekson de nacilingvaj propraj nomoj kaj gravaj historiaj vortoj, kiun akompanas indekso laŭ japana aiueo-ordo kaj laŭ hangula ordo, bibliografiojn de koncernaj libroj en Esperanto, en la japana kaj en la korea, kaj vortojn de kunlaborantoj, ankaŭ vortoj de korea kunlaboranto. La libro kostas 1500 enojn en Japanio, 7000 ŭonojn en Koreio kaj 30 gld. alilande krom sendkosto.

Nu, antaŭ ĉio mi petas vian kunlaboron, precipe al japanaj kaj koreaj samideanoj, aĉeti la libron kaj partopreni en diskutado. Sed ne nur tio. La libro neeviteble tuŝas aferojn rilatajn kun Ĉinio, Tajvano, Okinavo, Hindoĉinio, Vjetnamio, Rusio, nome landoj en Azio kaj ni kredas ke la libro estas leginda ankaŭ por aziaj esperantistoj. Pri mendoj el landoj,

kie eksterlandaj valutoj kostas multe pli ol devus esti, ni havos alian trakton.

Nu, tiu ĉi eldono estas unua ŝtupo de la agado de Esperanto-grupo por komuna lernolibro pri historio. La grupo fondiĝis en majo, 1993, laŭ iniciato de Niŝio Cutomu.

Spirita fono de la agado estas emocio juste kompensi al anoj de agresitaj aziaj landoj fare de iama Japanio. Sen fari ĝin, ĉia amikiĝa klopodo ŝajnis ne-fundamente agrabla por ni kiel konsciencaj homoj kaj esperantistoj. Do, kion fari ni, esperantistoj? Nia elekto estas fari komunan historian lernolibron per kunlaboro inter esperantistoj de koncernaj landoj.

La agado ankaŭ havas sencon, ke ĝi vere donas okazojn praktiki Esperanton en vere necesa kaj taŭga medio kaj tiel riĉigos homaranecan utilon de Esperanto-kulturo. Per komparo de historioj fare de la regantoj, ni povus ekhavi vidpunkton de historio de regatoj. Tio ankaŭ estus grava. Oni opinias, ke historio estas subjektiva, sed se tia, kia povus esti ekz. monda historio, kiun iam esperantistoj-homaranoj povus alpreni? Nia agado celas kunlabore fari taŭgan historion por tia uzo. Kaj kiel la unua provo, ni decidis labori kun koreoj, ĉar ni, japanoj, kun tiuj najbaroj havas plej nuntempajn problemojn, kaj ĉar koreoj jam estas kapablaj kunlabori en Esperanto, plue ĉar ankaŭ politika situacio en Koreio estas sufiĉe matura permesi tian ĉi agadon. Kaj la unua paŝo de tiu kunlaboro estas tiu ĉi eldono de traduko de rilatohistorio inter Japanio kaj Koreio verkita de japano. La eldonaĵo estas propono pri la komuna rilatohistorio flanke de Japanio. Tiun ĉi tradukan laboron ni komencis aŭguste en 1993 kaj jen du jarojn poste, realiĝis la eldono. Dume, en japanaj kongresoj kaj kunloĝadoj, ankaŭ en koreaj, precipe en la 50-a Internacia Junulara Kongreso en Koreio, ni havis fakkunsidojn. En gazetoj ni propagandis. Feliĉe en la 27-a Korea Kongreso de Esperanto (95.10. 28~29, Iksan), oni donis ŝancon al Niŝio paroli pri la agado, kaj kredeble pliaktiviĝos agado ankaŭ en Koreio.

Nun, la grupo havas ĉ. 30 japanajn, ĉ. 10 koreajn kaj ĉ. 5 alilandajn membrojn. La grupo eldonas ne regule informleterojn en Esperanto (3~4 foje en jaro). La sola devo de membro estas pagi kotizon (por japanoj 1,000 enojn). La sumo estas por kopiado kaj sendado de informleteroj. Ceteraj devoj kaj servoj estas laŭ kapablo, bonvolo kaj interkonsento.

Post tiu ĉi eldono, povus esti, ke nia agadmaniero iom ŝanĝiĝos. Nun, ni intencas regule okazigi fakkunvenojn pri la rilatohistorio en kongresoj k.a., utiligante tiun ĉi libron kiel diskutmaterialon. Kaj krome kio atendos nin?

Pri libromendo kaj membriĝo, sendu monon al la poŝtĝirkonto aŭ kontaktu kun la grupo.

*Esperanto-grupo por komuna lernolibro pri historio / NISIO Tutomu kata, Takadono 4-13-3, Asahi-ku, Oosaka-si, 535 Japanio*

*Tel. 81-(0)6-955-5728Fakso 81-(0)6-928-4615*

*Komputila fakso 81-(0)6-955-5728 (necesas antaŭa atentigo)*

*Retadreso: NBG02407@niftyserve.or.jp*

*Poŝtgirkonto: Oosaka 00960-1-252040 [esperanto-kyookasyo-no-kai]*

# 4. Historioj

## 4-1 Pakistano

En 1952 Muztar Abbasi, kiu estis studento de la Universitato de Lahore, eksciis pri Esperanto kaj en 1955 petis informon de Brita Esperanto-Asocio. Ricevinte de ĝi lernolibron kaj vortaron, li lernis la lingvon en 1956-57.

Poste li estis instruisto de ŝtata alta lernejo kie li parolis pri Esperanto al siaj lernantoj. Inter ili estis Abdul Ghaffar Falak, kiu poste fariĝis instruisto de la sama lernejo kaj kiu fariĝis dua esperantisto en la lando. Ankaŭ Hafiz Mumin venis al la lernejo kaj lernis Esperanton. Poste li transloĝiĝis al Jhelum, kie li sciigis Esperanton kaj eldonis urdu-lingvan libron pri Esperanto el la parolado de Muztar Abbasi.

En 1971 Muztar verkis Esperantan legolibron, kiu estis eldonita en 1976. Invitite de Háfiz, Abbasi kaj Falak instruis Esperanton en Jhelum. Inter la lernantoj estis Saeed Farani, kiun la du venigis al Murree. Post reiro al sia urbo Farani komencis instrui la lingvon kaj labori por la movado.

Abbasi, tiam instruisto en Murree, parolis pri Esperanto al sia lernanto Amĝad Butt kaj Hameed, kiu estas unu el estraranoj de la lernejo. Amĝad Butt daŭrigis la lernadon. Poste li instruis la lingvon kaj eldonis kelkajn Esperantajn librojn.

En 1978 esperantistoj kunvenis en Jhelum kaj decidis fondi asocion. Post kelkaj monatoj oni starigis PakEsA-on (Pakistana Esperanto-Asocio) kaj havis la unuan kunvenon en 1979 en Jhelum.

Poste en Lahore Esperanto estis disvastigita. Tie por Esperanto laboris Rana Makbuul kaj Farani, kiu studis en la urbo.

En 1979 Abbasi iris al Rawalpindi, kie li sciigis Esperanton al la fratoj Siddik Ĉima kaj Hafeez Ĉima. Siddik Ĉima estas estro de dua-grada lernejo, kie Abbasi kaj poste Hafeez instruis Esperanton. Ĝi estis la unua lernejo en Pakistano, kie oni instruis Esperanton.

En 1981 Farani iris al la suda urbo Karachi kiel studento. Tie li laboris ankaŭ por Esperanto.

Ghulan Nabi Parvaz memlernis Esperanton en Irano, aĉetinte lernolibron en librovendejo. Poste li partoprenis en Esperanto-kurso de Zamani en 1979, kaj poste li reiris al Multan, kie kelkaj junuloj en la urbo eklernis Esperanton kaj la urbo fariĝis centro de Esperanto-movado en Pakistano. La unua Esperanta revuo aperis en la urbo. Tarik Umar estis ĝia unua redaktanto.

Sufi Kareen en Gujranwala invitis Amĝad Butt kiel instruiston de Esperanto. Nun en la urbo estas pli ol 100 esperantistoj.

## 4-2 *Uzbekio*

La unua mencio pri Esperanto en Centra Azio aperis komence de la 20a jarcento. Tiam la moskva gazeto "La Ondo de Esperanto" informis, ke la 8an de marto 1909 en Taŝkento fondiĝis la unua en Turkestano Esperantista Societo. En 1921 samurbe malfermiĝis privataj Esperanto-kursoj, kiujn ekgvidis iu sinjoro Espero (laŭ la atesto de samtempuloj), kies vera nomo ĝis nun ne estas 'deĉifrita'. Sekvan jaron fondiĝis Taŝkenta Esperanto-Asocio, en kiu aktivis lokaj esperantistoj Homentovskij, Ponjatovskij k. a. La 13an de aŭgusto 1923 la Popola Komisaro pri Internaj Aferoj de Turkestana Respubliko aprobis la statuton de la Provizora Komitato de la Tutturkestana organizo de la Sovetlanda Esperantista Unuiĝo. La 19-23an de oktobro 1924 okazis Mez-Azia Esperantista Konferenco. Eblas supozi, ke la tiamaj esperantistoj tre vigle laboris por Esperanto, ĉar jam en 1924 la loka ĵurnalo "Spvetskij Turkestan" skribis, ke Esperanto-organizoj funkciis en Taŝkento, Samarkando, Buĥara kaj pluraj aliaj urboj. Aktive agis ankaŭ Internacia Koresponda Esperanto-Servo por ligoj kun eksterlandaj kolegoj. Tiutempe diversloke ekfunkciis Esperanto-kursoj, Esperanto-rondetoj fondiĝadis ĉe la Orienta fakultato de Mez-Azia Ŝtata Universitato kaj kelkaj entreprenoj. Inter tiamaj Esperanto-aktivuloj estas Koblov, Kuĥarskij, Bassin, Gabrieljan, Karpaĉevskij. En la 30aj jaroj en Esperanto-movado en Uzbekio partoprenis tiaj eminentaj scienculoj kiel E.D. Polivanov, M. Slonim, K.S. Koblov.

Stalinaj reprezalioj kaj La Dua Mondmilito silentigis Esperanto-movadon en USSR, do ankaŭ en Uzbekio por 2 jardekoj, kaj renaskiĝo sekvis nur fine de la 50aj jaroj. En 1957 Esperanto-rondeto aperis ĉe la sindikato de taŝkentaj tramistoj, reaperis priesperantaj materialoj en nacilingva gazetaro. En 1958-59 profesiaj lektoroj I. A. Kissen, K. S. Koblov, S. G. Bassin aranĝis lekciarojn pri Esperanto en la Taŝkenta Asocio pri disvastigo de politikaj kaj sciencaj scioj, Taŝkenta Domo de Sciencistoj, Mez-Azia Universitato, reaperis Esperanto-kursoj, fondiĝis Esperanto-rondetoj kaj poste Esperanto-klubo (kiu i.a. sufiĉe vigle aktivis ĝis hodiaŭ) ĉe la Domo de Sciencistoj de l' Akademio de Sciencoj de Uzbekio. Samtempe konata uzbeka lingvisto Ulugh Tursunov popularigis Esperanton en Samarkando kaj publikigis kelkajn priesperantajn artikolojn en sciencaj gazetoj. Pri tiama disvastigo de Esperanto elokvente atestas la fakto, ke la revuojn "Nuntempa Bulgario" kaj "El Popola Ĉinio" tiutempe abonis 224 esperantistoj en Uzbekio. Grandan meriton pri la evoluo tiutempa de Esperanto havis, krom la jam supermenciitaj personoj, ankaŭ I. F. Kovalevskij kaj P. V. Polisĉuk.

En 60aj jaroj en Taŝkento fondiĝis Esperanto-Komisiono ĉe la Uzbeka Amikeca

Asocio. Sub la gvido de ties unua prezidanto Petro Poliŝĉuk estis establitaj ege vastaj ligoj kaj kunlaboro kun alilandaj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj, kaj estis tradukitaj kaj eldonitaj informbroŝuroj pri Uzbekio kaj elektitaj verkoj de Aliŝer Navoi, Hamid Alimĝan kaj Ŝarof Raŝidov. Diverstempe prozaj kaj poeziaj tradukoj samkiel originalaj verkoj de Petro Poliŝĉuk aperis en multaj Esperanto-revuoj.

En Esperanto originalaj versoj kaj tradukoj de taŝkentano Roman Grinŝpan diskoniĝis pere de Esperanto-gazetaro. La kontribuoj de Esperanto-instruisto Eŭgeno Perevertajlo aperis en "Heroldo de Esperanto" kaj aliaj Esperanto-gazetoj. Li ankaŭ tradukis la libron "Timur kaj lia Taĉmennto" de la rusa verkisto Arkadij Gajdar, kiu aperis ĉe Hungara Esperanto-Asocio en 1982. Li iniciatis kaj realigis plurlingvan Esperanto-kurson kaj Esperanto-suplementon al la revuo "Soveta Uzbekistano".

Taŝkentaj esperantistoj aranĝis internacian labortaĉmenton kaj Esperanto-tendaron kaj somere de 1981 ili okazigis SEJT-XXIII (Sovetian Esperantistan Junularan Tendaron, kiun partoprenis pli ol 300 esperantistoj el ĉiuj anguloj de USSR. En la 70-80aj jaroj por Esperanto-movado en Uzbekio multon faris ankaŭ Eŭgeno Perevertajlo, Kutlukhan Ŝakirov, Ŝoahmad Mutalov, Vladimir Lemelev, Ŝavkat Hamrokulov, Bahodir Habibov, Rafija Jafasova, Murodkul Rozikov, Anatolij Petrov, Vladimir Masalkin kaj aliaj.

Esperanto-movado en Samarkando (la dua plej granda urbo de la lando) komenciĝis (aŭ renaskiĝis?) somere de 1977. La unua (almenaŭ post la Dua Mondmilito) Esperanto-klubo, subtitole Klubo de Interpopola Amikeco "Esperanto" fondiĝis la unuan de oktobro 1977 ĉe la Samarkand-urba Komsomola Komitato. Iom post iom tiu ĉi klubo fariĝis unu el la plej aktivaj kaj respektataj (ankaŭ ekstermovade) en la tuta USSR. Jen la plej gravaj atingoj: Esperanto-kursoj en la fremdlingva fakultato de Samarkanda Ŝtata Universitato, dekoj da internaciaj diverstemaj ekspozicioj (pluraj el ili poste fariĝis migrantaj), universitatnivelaj studentaj sciencaj konferencoj pri interlingvistiko kaj esperantologio, Uzbekiaj Esperantistaj Renkontiĝoj, artpublicistika porpaca slajd-filmo "Dum la Koroj Batas...", muzikgrupo "Amiko", centoj da priesperantaj materialoj en loka kaj respublika gazetaro, radio kaj televido, tri sukcesaj diplomiĝoj pri esperantologio en la Universitato, ktp. Samarkanda esperantisto Albert Ŝakarov prizorgis eldonon de la unua en Centra Azio Esperanto-lingva sondisko "Somera Mondo" kun 4 kantoj de Ĵomart Amzev. Same samarkandanoj preparis por eldono la unuan Esperanto-lernolibron por uzbeklingvanoj kaj Uzbeka-Esperanta-Rusa-n Laŭteman Konversaci-libron.

Mejloŝtono en la evoluo de Esperanto-movado evidente eblas nomi la Internacian Muzeon de Paco kaj Solidaro, iniciatitan kaj prizorgatan de lokaj esperantistoj. Tiu ĉi unika muzeo, kiu fondiĝis en Samarkando decembre 1986 honore al la Internacia Jaro de Paco, estas la unua ĉi-speca neregistara institucio en USSR/KSS kaj en la tuta Esperantujo. La konstanta muzea ekspozicio, havanta pli ol 20,000 diversspecajn eksponaĵojn: presaĵoj, artaĵoj, memoraĵoj ktp el 100 landoj de ĉiuj mondpartoj - ilustras la

universalajn homajn valorojn kaj globskalajn defiojn, kiujn nun frontas la homaro. Unu el muzeaj vitrinoj temas speciale pri Esperanto kaj ties grava rolo en interkomprenigo, proksimigo kaj amikigo de diverslandaj popoloj. La muzeo estas registrita ĉe UNO, UNESCO, Eŭropa Konsilio, NATO, Monda Konsilio de Eklezioj kaj multaj aliaj organizoj, kiuj regule sendas al la muzeo siajn eldonaĵojn kaj materialojn. Nun la muzeo realigas plurajn internaciajn projektojn: "La aŭtografo de Paco" (kolekto de subskribitaj fotoj, personaj mesaĝoj kaj aŭtografitaj verkoj de mondaj famuloj kaj eminentuloj), "Infanoj de X-lando Rigardas la Mondon" (infanartaj ekspozicioj - lastatempe el Francio, Koreio, Aŭstralio, Tajvano, Nov-zelando, Egipto, Filipinoj, Irano ...), "Infana Malarmado" (porinfanaj festivaloj de paco kaj malarmado, interŝanĝo de militaj ludiloj je la pacaj), "La Mondo Tra La Okuloj De Handikapitaj Infanoj" (artekspozicioj de viktimoj de malsanoj, perforto, krimoj, militoj, malpurigita vivmedio kaj aliaj kataklismoj), "La Mondo Ridetas" (internacia kolekto de ridetoj), "Belo Savos La Mondon" (personaj artekspozicioj de diversaj pentristoj)... La aktivuloj de la muzeo partoprenis multajn internaciajn forumojn en Norvegio, Pollando, Danlando, Finnlando, Usono, Hungario, Ĉinio, Germanio k.a. kaj faris prezentadojn de la muzeo, samtempe ĉiam informante neesperantistan publikon pri Esperanto.

Samarkandaj Esperanto-aktivuloj kunaŭtoris la uzbekan kaj taĝikan versiojn de la Multlingva Vortareto publikigita en "la Jaro 1993".

Nuntempe la movado en Uzbekio spertas similajn ekonomiajn problemojn kiel ĉie en la sendependaj ŝtatoj de eksa USSR. Esperanto-kluboj daŭre funkcias (sed ne tiom aktive kiel antaŭe) nur en Taŝkento kaj Samarkando. De kelkaj jaroj en Taŝkento aktivas nova energia kaj kapabla esperantisto-muzikisto Gafur Mirzabajev, kiu somere 1994 en la azia karavano partoprenis la UK-on en Seulo kaj poste turneis en Japanio. Li regule aranĝas priesperantajn programojn en la Uzbeka televido kaj en julio 1992 li fondis en Taŝkento La Uzbekan Esperanto-Asocion, kiu dume ne estas registrita, oficiale.

*Kontakt-adresoj:*

*Esperanto-klubo/ pk 140, počtamt, UZ-700000 Taškent, Uzbekio. tel.: +7-3712-57 24 87*

*Esperanto-klubo/ pk 76, počtamt, UZ-703000 Samarkand, Uzbekio. tel.: +7-3662-33*

# 5. alvokoj

## 5-1 Kontribuon al Bulteno de Esperanta Komerco!

La ĉina peranto de IKEF(Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo), WANG Tianyi, regule eldonas la Esperanto-ĉinlingvan informilon monatan "Bulteno de Esperanta Komerco" (BEK), kiun uzas ĉ. 400 geesperantistoj tra Ĉinio, kelkaj esperantistaj

komercistoj en Japanio, Koreio, Honkongo, Tajvano, Malajzio... BEK ĉiam bonvenigas kaj senpage aperigas ofertojn kaj ideojn el eksterlando.

*Adreso: WANG Tianyi, Xiyinglu 74, CN-710054 Xi'an, Ĉinio*
*fakso: +86-29-721-8042. Tel.: +86-29-321-2171.*

### 5-2 *Kunlaboron kunTomska Komerca Kolegio!*

Tomska komerca kolegio edukas komercistojn, manaĝerojn de komercaj entreprenoj, librotenistojn, manaĝerojn de amasnutraj entreprenoj, teknologiistojn de kuirado, sukeraĵistojn, kelnerojn... kaj estas la plej signifa kaj aŭtoritata lernejo pri tiuj fakoj en Tomska regiono. En plej proksima tempo planatas malfermo de entreprenista fako. En la proksimaj jaroj planatas transformo de la kolegio je altlernejo. Por tio preparatas novaj instruprogramoj (inter kiuj ankaŭ por individua klerigado kun uzo de 'multi-media'-programoj: a. liverado de la programaroj, b. modernaj "multi-media'-komputiloj), instruistoj, evoluas la material-teknika bazo.

En Tomsk komencas malfermiĝi privataj entreprenoj de amasnutrado kaj manĝejoj, proponantaj diversnaciajn pladojn: ĉinajn, koreajn, germanajn, usonajn, italajn ktp. Tial la kolegio estas ege interesita pri instruistoj, kiuj povus instrui kuiradon de diversnaciaj pladoj, priservadon en la naciaj restoracioj. La kolegio deziras krei komunajn entreprenojn de amasnutrado en Tomsk kun partopreno de eksterlandaj kuiristoj kaj firmoj.

Por atingi la supre menciitajn celojn la direktoraro de la kolegio opinias necese allogi pli kompetentajn instruistojn kaj mondnivelajn programojn el diversaj landoj por instruado en Tomsk kaj petis helpon de Tomska Esperanto-Klubo.

*Vladimir MININ/ RU-634063, Russia, Tomsk, P. O. Box 2000*

### 5-3 *Al ĉiuj amikoj de la mondkonata tabulludo Goo:*

Esperantista Go-Ligo Internacia (EGLI) invitas Vin

Partoprenu la IV-an Internacian Korespondan Go-Turniron! Komece de la jaro 1996 EGLI organiza novan korespondan turniron. Ĉiuj esperantistaj go-ludantoj povas partopreni. Pri pli detalaj informoj turnu vin al:

*Matthias Reimann / Am Markt 20, D-99755 Ellrich, Germanio. fakso kaj telefono: +49-(0)36332-70246*

## 6. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 20 ĝis la 22a de decembro jenaj 43personoj kontribuis por la azia movado sume 127,000 enojn.

AIHARA Misako, AKADA Joŝihisa, CURUTA Ŝizuo, EGAŬA Harukuni, HAŜIGUĈI Ŝigejuki, HATAJAMA Nisaburoo, HIROSE Kanae, HORI Jasuo, ITABAŜI Micuko, IZUMI Jorimiĉi, JAMAZOE Saburoo, JANO Keiko, JOŜIKAŬA Sjooiĉi, KAKEHI Kunimaro, KATOO Keiko, KENMOCU Kensaku, KOBAJAŜI Cukasa, KURIJAMA Hitoŝi, MACUDA Hisako, MAEDA Ŝigeki, MINABA Ŝigeru, MUKUNDA Pathik, NIŜIMURA Mijoko, NIŜIMURA Naĉiko, OBARA Hideo, ONO Tadahito, SAIKI Masajuki, SAITOO Cume, SANPEI Keiko, SASAKI Jasuko, SASAKI Ricuko, SATOO Rjuuiĉi, SATOO Ŝooiĉi, SCHMID Wilhelm, SUGANO Takeo, SUTTON Gwenda, ŜOOĴI Keiko, TAHIRA Masako, TAKAHAŜI Hiroŝi, TAKUMA Kenĵi, TODOROKI Hisako, TOOI Kunio, UEDA Tomohiko

Krom ili, ni ricevis 20,000 enojn de s-ino Anonima.

Koran dankon pro viaj kontribuoj! Japana Esperanto-Instituto sendis la sumon al Azia Fondaĵo de UEA.

# 7. *Ricevita organo*

**VELigilo (Vjetnama Esperanto-Ligilo)**

2p. A4, n-ro 28, decembro 1995(?), du-lingva.

8p. A4, n-ro 32, aprilo 1996(?), du-lingva. eldonanto Dinh Van Van/ 174-72 Chu Van An F 12, Q. Binh Thanh, Hochiminh-urbo, Vjetnamio (Li restos en Koreio ĝis aprilo de 1996)

enhavo: "Esperanto-movado, kiel marŝi sekve?"

# 8. *Korektoj en GEMA (Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio)*

p. 25 l. 1 Qingdao-a Esperanto-Asocio/ ĉe Zhanliu Ganlu, 11 hao, Room 717, CN-266071, Qingdao

p. 30 l. -2 Hubei-a Esperanto-Asocio/ ĉe Peng Zhengming, Neiyuan, Xiaoqu 301-3-2, Fujiapo, Wuchang, Wuhan. tel.: +86-27-781-8012

p. 36 l. 9 tel.: +852-2699-4511, fakso: +852-2691-3571

p. 36 l. 12 tel.: +852-2788-3263. fakso: +852-2788-3206

p. 51 en la mapo Tyûbu - Kantô. Tyûbu estu inter Kinki kaj Kantô

p. 56, l. 2 BAG Hŭanĝong - BAG Hŭaĝong

l. 8 BAG Hŭanĝong - BAG Hŭaĝong

l. 12 tel.: +82-51-501-1401

l. 14 kaj 15 forstreku la liniojn.

p. 57 l. 3 forstreku "kaj HONG Heng-wi"

p. 67 l. 19 Lim Ah Hua/ B 1 K 131 Bedok North ave. 3, #12-112, Singapuro 1646. tel.: +65-446-0283

l. 20 tel. +65-479-2616, fakso (hejma): +65-479-8496

l. 22 tel.: +65-732-5602

***Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj.***

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012. tel.: +82-2-612-1906. fakso: +82-2-616-1571

MA Young-tae/ MA-106, Dong-a Apt., Daechi-dong, Gangnam-gu, SEOUL 135-280. tel.: +82-2-553-6820

SYOZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso" +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

WANG Jianbing/ Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-1-832-6682. fakso: +86-1-832-1808

***•Parolas la redaktantoj:*** Jen, ni sukcesis eldoni 4 numerojn en ĉi tiu jaro. Vi ricevas du numerojn samtempe. En la jaro ni devis organizi la 82an Japanan Esperanto-Kongreson en nia urbo. Tial ni estis tute okupitaj kaj ánkoraŭ restas laboroj por raporti la kongreson. En ĉi tiu numero ni deziris aperigi detalajn informojn pri la 1a Azia Kongreso en Ŝanhajo. Sed informoj ne atingis nin. En la venonta numero vi certe povos sciiĝi pri tio. Laŭeble frue ni eldou la n-ron 23. Ĉion bonan ni deziras al vi en 1996. (1995-12-26)